# VALENCIA LUNO

Tria epoko – numero 9 – Septembro 2020

- Valencio kaj ĝia simbolo
- Esperantista biblioteko
- Kvaranteno – 5

# LA FOTOGRAFIO – 2
# Henri Cartier-Bresson




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25  1-a, 1-a
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ANTAŬAJ NUMEROJ

Vi povas elŝuti niajn antaŭajn numerojn ĉe nia retejo
https://valencia.esperanto.es/ttt/publicacions/

# ENHAVO



Foto: Simone de Beauvoir – Paris – 1946 – Henri Cartier-Bresson

# SALUTON!

## La Septembra ekzemplero, de Eduardo Alonso

Karaj gesamideanoj:

En nia Septembra ekzemplero vi povas trovi la duan parton de **La Fotografio**, baza kurso pri foto, akompanata de komento pri la dua **Fotisto de la monato**, **Henri Cartier-Bresson**.

Poste vi povas legi la **Angulon de la esperantista ŝak-ludanto**, en kiu, kiel ĉiam, Elías proponas kvar novajn sed facilajn ŝakojn problemetojn.

Tuj poste ni havas la kvinan parton de **Kvaranteno**, la aparta vidado de Dennis Keefe pri la tagoj de izoliteco.

**Esperantista biblioteko** daŭras, kun la dua parto de la biblioteko de Elías Hernández Capdevila, en kiu li parolas pri siaj libroj verkitaj de **J.R.R Tolkien**.

En **La pasinteco** ni memorigas artikolon de Francisco Aliaga, **Valencio kaj ĝia simbolo**.

Kaj kiel ĉiam en **La estonteco**, **kiam, kie, kio okazos?** de la mano de Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj.

Bonan legadon kaj afablajn salutojn

Eduardo Alonso



# LA FOTOGRAFIO - 2

## de Eduardo Alonso

### 3. La fotilo

Esence fotilo estas hermetike lumo-sigelita skatolo, kun truo kiu povas esti malfermita kaj fermita, kaj lenso (aŭ grupo da ili) nomata **objektivo**. Esence, ĝia funkciado estas la sama kiel tiu de okulo.

La ĉefaj mekanismoj de fotiloj estas tri: la **fokuso**, la **diafragmo** kaj la **obturilo**.

Ili kutime ankaŭ havas aliajn kontrol-butonojn, kiel la **reĝima selektilo**, **ISO-sentiveca alĝustigo** kaj **ekspozicio-kompenso**.

Fojfoje oni demandas al mi, kiu fotilo estas plej bona. La respondo estas: tio dependas. Dependas de tio, kion vi volas fari kun ĝi kaj kiom da mono vi volas elspezi.

Por iuj, la plej bona fotilo estas tiu, kiun vi ĉiam portas kun vi. Do via ideala fotilo estas via poŝtelefono, sed ĝi havas tre malgrandan **sentilon**. La plej altnivelaj modeloj havas mirindajn aspektojn.



Aliaj diras: Mi volas tiun fotilon, kiu prenu bonajn fotojn. Tiu fotilo ankoraŭ ne ekzistas. La fotoj estas prenitaj de la fotisto, eĉ se uzante la reĝimon "ĉiuj aŭtomata", la fotisto devas elekti la temon, la ĝustan momenton de la pafado, enkadrigo, kunmetaĵo, fokusa longo, fokusa areo, speco de lumo, ktp. Poste vi prenos plurajn fotojn, kaj vi devos elekti la plej bonan. Kaj finfine vi devos fari plurajn decidojn kiam vi redaktos ĝin.

Krom la poŝtelefonoj, ekzistas pluraj specoj de fotiloj:

La malgrandaj **kompaktaj**, kiuj kutime havas tre malgrandan sentilon, tial ne taŭgas por grandaj pligrandigoj aŭ en malfacilaj lumaj situacioj. Krome, multaj el ili ne permesas per-manan reĝimon, aŭ ĝi estas tre kaŝita inter la menuoj. Sed ili estas la plej malmultekostaj kaj komforte vesteblaj, do ili povas esti idealaj por multaj homoj.

Poste estas la **kompakt-proaj** aŭ **pontaj fotiloj**, iom pli grandaj (ankoraŭ vi povas meti ilin en via poŝo), kun iom pli grandaj sensiloj kaj pli bonaj ĝeneralaj funkcioj.




Grimpante alian paŝon ni trovas la **sen-spegulajn** fotilojn, pli grandajn, kun pli grandaj sensiloj kaj, plej grave, **interŝanĝeblaj objektivoj**.

Tiam estas la tre grandaj kaj pezaj **spegulaj fotiloj aŭ reflekto-fotiloj** kun grandaj sensiloj, interŝanĝeblaj objektivoj kaj pli altaj prezoj.




Kaj fine, mezaj formataj fotiloj, pli grandaj kaj pli pezaj, kun grandegaj sensiloj, nur iuj profesiuloj uzas ilin pro ilia tre alta prezo.

Eduardo Alonso

(daŭros)

# FOTISTO DE LA MONATO - 2

## Henri Cartier-Bresson, de Eduardo Alonso

"(La fotografio) signifas meti la menson, okulojn kaj koron sur la saman vidan linion. Ĝi estas vivmaniero"
Henri Cartier-Bresson

Henri Cartier-Bresson (1908 – 2004), franco, estis unu el la grandaj majstroj de la historio de la fotografio, konsiderata la patro de fotoperiodismo kaj sur-strata foto.

Li estis ege klera homo, kun senfina scivolemo kaj nekutima soifo de scio.

Li uzis Leica 35 mm fotilon, la unuan malpezan fotilon, kaj preferis uzi 50 mm objektivon ĉar ĝi donas la saman perspektivon kiel la homa okulo.



*Paris. Place de l'Europe. Gare Saint Lazare (1932) - Henri Cartier-Bresson*

Por li la fina foto devas esti prenita en la momento de pafado. Li neniam modifis aŭ tondis foton, kaj fariĝis preskaŭ nevidebla al la homoj, kiujn li portretis.

Liaj bildoj ĝuas zorgeman komponadon, kio estis unu el liaj konstantaj zorgoj, en kiuj li reliefigis la gravecon de geometrio.

Li kutimis elekti kadron kaj atendi, preta por fari la foton en la ĝusta momento, kiam ago planita en tiu kadro okazis. Tio estis kion li nomis la **Decida Momento**.

"La fotilo estas por ni ilo kaj ne mekanika ludilo. Sufiĉas senti vin komforta kun la aparato, kiu konvenas al tio, kion vi volas fari. La uzado de la fotilo, la diafragmo, la rapidecoj, ktp, devas fariĝi reflekto, kiel la ŝanĝo de rapidoj en aŭto, kaj

estas nenio diri pri ĉiuj tiuj ĉi operacioj, eĉ la plej malfacilaj, ĉar ili estas deklaritaj kun milita precizeco en la instrukcia manlibro liverita de la fabrikantoj kun la fotilo."



Por Cartier-Bresson, la formo, la bildo, estas tiel grava, ke li defendis la gravecon inkluzivi vidan edukadon kiel iun ajn alian disciplinon esencan por homa edukado: "Devas esti vida edukado, emfazita de la komenco en ĉiuj lernejoj. Ĝi estu inkluzivita kiel la studo de literaturo, historio aŭ matematiko. Kun lingvo, vi unue lernas gramatikon. En fotografio, vi devas lerni videblan gramatikon. Kio plifortigas la enhavon de foto estas la senco de ritmo, la rilato inter formoj kaj valoroj."



Li havis la okazon portreti artistojn kiel Pablo Picasso, Joan Miró, Max Ernst, Jean Renoir, Marcel Duchamp, Man Ray aŭ Henri Matisse, verkistojn kiel Albert Camus, Truman Capote aŭ Jean-Paul Sartre, politikistojn kiel Fidel Castro aŭ Ernesto "Che" Guevara kaj aliajn famulojn kiel Édith Piaf, Marilyn Monroe aŭ Coco Chanel.

Li ankaŭ pritraktis gravajn eventojn, kiel la morton de Gandhi, la Hispanan Enlandan Militon, la Duan Mondmiliton, aŭ la eniron de triumfo de Mao Zedong al Pekino. Cartier-Bresson estis la unua okcidenta ĵurnalisto kiu kapablis viziti Sovetunion post la morto de Stalin.

En 1947 li fondis fotomagazinan agentejon Magnum Photos kun pluraj el siaj kolegoj, por malebligi misuzon de ilustritaj revuoj.

Li ekspoziciis siajn verkojn en la plej bonaj galerioj kaj muzeoj en la mondo, estante la unua fotisto en ekspozicio ĉe la Louvre Museum en Parizo.



*Marilyn Monroe - Henri Cartier-Bresson*

Eduardo Alonso

# ANGULO DE LA ESPERANTISTA ŜAK-LUDANTO

## de Elías Hernández Capdevila

Kaj jen la daŭrigo de la ĉiu-monata artikolo pri kvar facilaj ŝak-matoj, atingitaj per nur unu movo de blanka peco. Tiu ŝak-mato povus esti atingita per iu ajn peco, do, per **damo**, **turo**, **kuriero**, **ĉevalo** aŭ **peono**. Kompreneble, mi montras ankaŭ la solvon ĉe ĉiu ŝak-mato. Bonvolu provi ne rigardi la solvon ĝis post paro da minutetoj ...

Por faciligi al vi tiun taskon, mi ripetas necesan klarigon, pri la ĉefaj menciindaj ideoj pri tiu mirinda sporto-scienco:

La ŝak-tabulo aspektas tiel, kun pecoj (maldekstre) kaj sen ili:







Jen la diversaj pecoj. La pecoj moviĝas kaj samtempe ekkaptas tiel:

- **Reĝo**: po unu ĉelo ĉiu-foje, en libervola direkto (vertikale, horizontale aŭ diagonale). Ĝi estas la plej grava peco sur la ŝak-tabulo
- **Turo**: laŭlonge de vicoj kaj kolumnoj (ĉe ŝak-lukto ĉiu kolono nomiĝas kolumno). Ĝia graveco pli-altiĝas dum la lastaj momentoj de la lukto

- **Kuriero**: laŭlonge de la diagonaloj. Angle BISHOP, france FOU kaj hispane ALFIL, ĝi estas unu el la plej malpezaj pecoj

- **Damo**: laŭlonge de vicoj, kolumnoj kaj diagonaloj. Oni povas diri ke tiu peco kapablas agi kiel turo kaj kiel kuriero, samtempe. Sed atentu: la damo ne povas agi kiel la ĉevalo. Do, ne forgesu ĉi-tiun ne-kapablon.




- **Ĉevalo**: per saltoj laŭ la litero L (du ĉeloj rekten kaj unu flanken, aŭ unu ĉelo rekten kaj du flanken). Ĝi povas transsalti kaj siajn proprajn pecojn kaj la pecojn de la alia ludanto. Ĝi estas eble la plej ŝatata peco kiu staras sur la tabulo, ĉar oni povas duoblo-ataki aliajn kontraŭajn pecojn pli facile ol per kuriero, turo, damo, peono aŭ eĉ la reĝo. Angle KNIGHT, france CAVALIER kaj hispane CABALLO, ĝi estas tre malpeza peco

- **Peono**: je unu ĉelo antaŭen, neniam mal-antaŭen, se tiu ĉi ĉelo estas vaka aŭ malplena (se la peono estas ankoraŭ en la baza pozicio, ĝi povas transmoviĝi je du ĉeloj antaŭen, se ambaŭ ĉeloj estas vakaj aŭ malplenaj). Plie ĝi povas preni aŭ ekkapti pecon de la alia ludanto, kiu estas sur diagonale najbara ĉelo staranta antaŭ la peono

La ŜAK-LUDO estas rigardata kaj konsiderata de la UNESKO kiel SCIENCO kaj SPORTO, samtempe, kaj tiu Institucio rekomendas vigle ties uzadon kaj diskonigon per mez-lernejoj en la tuta mondo.

Kaj jen niaj kvar ĉi-monataj ŝak-matoj (rememoru: oni povas atingi ĉiun ŝakmaton per nur unu movo de blanka peco).

Kvankam eble vi ne konvinkiĝos, ludi ŝak-ludon, aŭ almenaŭ provi solvi malgrandajn problemetojn, kiel tiujn kiujn mi montras al vi, estas eksterordinara ekzerco por via menso kaj por via kapablo koncentriĝi:

Havu kuraĝon, kaj provu solvi la kvar problemetojn!



***SOLVO***: Supren-irigu la pezan blankan turon ĝis *d8*. La kolerema nigra reĝo ne povas forfuĝi ĉar liaj propraj peonoj malhelpas tiun fuĝon. Kaj, kompreneble, nenia nigra peco povas blokigi la atakon de la blanka turo.



***SOLVO***: Movu la malpezan blankan damon de *b2* ĝis *h8*. Nun la malkontenta nigra reĝo havas nenian fuĝeblan ĉelon tra kiu ĝi povus forpuŝi la atakon de la ridema damo.




***SOLVO***: Ĉi tie, la kompatinda nigra reĝo havas nenian alian ĉelon al kiu transiri, oni nur bezonas alian blankan pecon kiu povus ataki tiun malfeliĉan reĝon, kaj oni trovas ... la blankan gajan kurieron, kiu transirante ĝis *e4* ŝakmatos la malgajan nigran monarĥon ... Dio savu la reĝon!!




***SOLVO***: Movu la blankan damon ĝis *g5.* La malfeliĉa nigra reĝo ne povas ekkapti tiun damon, nek forkuri ĝis sekura loko, nek meti alian propran pecon inter li kaj la damo, nur morti pro atako de tiu feliĉega blanka damo.

Elías Hernández Capdevila

# KVARANTENO - 5

## de Dennis Keefe

**Kvaranteno, Tago 29**




Daŭre legas pri poezio: Cernuda, Guillen, Hernandez. Speciale interesas al mi Miguel Hernandez, ĉar Miguel Fernandez, bonega Esperantisto de Madrido, verkis pri li. Facile se vi ne konas ilin miksi la nomojn, ĉu ne? Morgaŭ, teatro de la 20a jarcento.

Paradokse, mi ankoraŭ ne multe legis dum la kvaranteno krom se la legaĵo estas pri la viruso-krizo mem.

Ekzemple, hodiaŭ kiel kvaranteno-kutime antaŭ ol ellitiĝi, mi unue trafoliumis la New York Times, poste la Washington Post, kaj CNN. Post tio, mi ekrigardis The Guardian de Anglio. Tiam, mi trarigardis Die Zeit de Germanio. Poste du francajn ĵurnalojn: Le Monde kaj Liberation. Kaj finfine la hispanajn: El Pais, Las Provincias kaj El Levante. Ĉio pri la viruso.

Mi NE volas daŭre fari tion! Baldaŭ mi esperas remeti min en miaj legado-kutimoj. Multe pli da legado de klasikaĵoj, prefere en la hispana. Kaj remeti min en seriozan studadon.

En la babilrondo hodiaŭ Pepe parolis pri sia semajnfina kutimo dum ĉi tiu festoparto de la jaro, kio ĉi jare forfalis pro la viruso. Elias ekmontris la kubon de Rubik kaj morgaŭ detale prezentos ĝin. Eduardo sukcesis restarti la ZOOM-programon, kio gravas, ĉar tio permesas daŭrigi la babiladon se necese. Mi parolis pri la farado kaj vendado de puzloj.

**Kvaranteno, Tago 31**

Iom malbonhumora la tutan matenon. Ne sufiĉe bone dormis pro malica moskito, nur tro malfrue lokaligita kaj mortigita.

Ĉu pli da moskitoj pro la varma februaro kaj pro tio, ke la urbo ne povas okupiĝi pri ili dum la viruso-krizo?

Studis geografion de Hispanio sufiĉe longe. Kurso de Carlos Herreras en la Interreto. Por geknaboj, sed mi tre ŝatas. Hodiaŭ la provincoj de Burgos, Soria, Avila kaj Segovia.

Hodiaŭ en la babilrondo mi prezentis kaj rekomendis la Praktikan Bildvortaron de Esperanto. Eduardo starigis la ludon "1 2 3 Responda otra vez" en Esperanto. La teamo de Pepe kaj Dennis gajnis (Ne estis alia teamo).

Komencis prepari la kurson por vendredo, skribante 32 demandojn baziĝintajn sur la supre menciita Bildvortaro. La temo estos la kuirejo.



**Kvaranteno, Tago 32**

Iris al la supermerkato por la unua fojo en dek tagoj. Devis ĉe la pordo lavi la manojn per iu kemiaĵo, kaj poste surmeti plastajn gantojn. Kiel kutime nun.

La engantiĝo daŭris longe. La gantoj estis tro malgrandaj por miaj longaj kaj torditaj fingroj. Antaŭ dek tagoj ne estis problemo, ĉar ili donis al ni saketojn por kovri la manojn!

La malmultekostaj "guindillas" elĉerpiĝis kaj tio dum la tuta kvaranteno. Ili estas mia plej ŝatata ingredienco en miaj manĝaĵoj. Kion fari?



Preparis, tamen ne prezentis dum la babilrondo. Spektis la rapidan solvon de la Kubo de Rubik fare de Elias. Mirinde. Aŭskultis la prezentadon de Pepe pri Alfonso XIII kaj lia foriro en 1931. Eduardo kaj mi ĉi foje estis la dumzoomumadaj aŭskultantoj.

Verkis artikoleton por la Valencia Luno, kaj rigardis plurajn lecionojn pri la historio de filozofio instruata en Argentino (Descartes, Kant, Hegel, Marx).

**Kvaranteno, Tago 33**

Finlegis la ĉapitron pri hispana teatro ĝis la Dua Mondmilito. Memorigis min pri miaj jaroj en Madrido kiam mi eklernis Esperanton. Tiam spektis du teatraĵojn kun amikino -- ŝia ideo, ĉar mi estis nesciulo tiu rilate: "Muerte Accidental de un Anarquista" kaj "La Vida es Sueño" se mi bone memoras la titolojn.

Rigardis lecionojn pri la geografio de Valladolid, Palencia kaj León. Domaĝe, ke mi scias ankoraŭ tro malmulte pri la ibera landosistemo. Tamen paŝon post paŝo mi progresas.

Urbodomaj laboristoj revenis hodiaŭ al la plaĝo kun siaj traktoroj, forigante branĉojn kaj purigante la sablon.

Kvin homoj ĉeestis la babilrondon hodiaŭ: Eduardo, Elias, Pepe, Rosa kaj mi. Elias faris biografion pri matematikisto John Conway, kiu mortis antaŭ nur kvar tagoj, kaj kiu verkis librojn pri la Kubo de Rubik. Mi montris novan ekzercon pri la Praktika Bildvortaro de Esperanto.




**Kvaranteno, Tago 34**

Purigis la plankon hodiaŭ posttagmeze. Iris al la banĉambro. Prenis la sitelon. Metis ĝin sub la kranon en la bankuvo. Verŝis akvon en la sitelon, plenigante ĝin. Elligis la sitelon kune kun la ŝvabrilo el la banĉambro. Trempis la ŝvabrilon en la akvon. Purigis la plankon de unu flanko ĝis la alia. Post kiam mi finpurigis la tutan plankon, mi elverŝis la malpuran akvon en la necesujon, kaj ripozis.

Ricevis kvar mesaĝojn el Azio hodiaŭ. Unu el ili estis de mia antaŭa estrino de la Universitato de Nankino. Mi laboris ĉe tiu universitato pli ol ses jarojn. Estis malgajiga novaĵo: ŝia edzo forpasis la 20an de januaro. Mi bone konis ankaŭ lin. Ambaŭ helpis al mi multe dum mia restado en Ĉinio. Kun mia estrino mi

parolis plejparte Esperanton, kaj de tempo al tempo la francan,  kaj iomete la ĉinan.

La babilrondo estis, kiel kutime, interesa.  Elias klarigis la bazajn regulojn pri ŝakludo. Eduardo parolis pri sia partopreno en la universitata kurso de Esperanto en Sevilo.  Pepe diris al ni, kion li faris hodiaŭ por aĉeti, kaj mi parolis pri la historia  orminejo de la antikvaj Romianoj lokita en la provinco de Leono, kaj nomata Las Médulas (inter la 1a kaj 3a jarcento post Kristo) . Rosa ankaŭ partoprenis.



Kiam mi komencis skribi pri mia ĉiutaga vivo dum la kvaranteno, mi kredis, ke la devigo resti hejme daŭros 15 tagojn, kaj eble iom pli, sed ne 35.  Mi ĝojos kiam ni refoje povos libere eliri, parte ĉar en tiu momento mi ne plu devos mallerte manipuli la dikfingrojn de mia mano por tajpi mesaĝon.

Ĝis la 7a vespere mi estis plenplene okupita aŭ preparante aŭ farante la tri erojn de la lernaj kaj babilaj horoj hodiaŭ.  Unue, estis la eksperimenta demandaro pri la Bildvortaro, sed tion mi faris hieraŭ.  Ankaŭ estis la verkado de du demandaroj pri Don Kiĥoto.  Finfine estis la preparo por babilronda prezentado.

En la babilrondo, Fernando de Peruo, kiu tamen estas Valenciano, vizitis nin, kaj la zooma sono estis tre bona. Eduardo kontribuis per pluraj proverboj de Afriko. Mi parolis pri la plej aŭtoritata vortaro,  Merriam-Websters 3rd International Dictionary, uzata en usonaj universitatoj.  Kaj ankaŭ partoprenis la babilrondon Elias kaj Pepe.

Vespero-Studo Nietzsche kaj Heidegger.  Kaj mi ekvidis la ekaperon de la Valencia Luno.  Mi trafoliumos ĝin morgaŭ.

(daŭros)

Dennis Keefe

# ESPERANTISTA BIBLIOTEKO

## de Elías Hernández Capdevila

Ni daŭrigas nian ĉiu-monatan tekstaĵon en kiu ni parolos pri libroj verkitaj PER, POR, PRI aŭ PRO Esperanto, kaj, kompreneble, poseditaj de ni mem. Jes, jes, la temo de ĉi tiu bultenero estas ***niaj Esperantoj libroj***, ĉu tradukitaj ĉu verkitaj originale per nia mirinda lingvo. Kaj mi ŝatus daŭrigi aludon al mia Esperanto libraro, kiun mi gardas ĉe mi kiel plej ŝatinda trezorego. Fakte mi kolektas librojn -ĉu en papera versio, ĉu en pdf-a versio- ekde antaŭ multe da tempo, jam pli ol dek jaroj. Kaj mi povas konfesi ke ĉi tiu tasko estas tre agrabla laboro, legante kaj relegante ilin ĉiu-jare.

De ĉi tie ni ankaŭ kuraĝigas aliajn geesperantistojn montri siajn Esperantojn librarojn, revuojn, bultenojn, ktp. Vi nur devus kontakti nian ĉef-redaktoron, Eduardo, kaj sendi al li malgrandan tekstaĵon pri via Esperanto libraro, kune kun fotaĵo.

Mi pensas ke mi certas kiam mi supozas ke vi, karaj gelegantoj, eble sen esceptoj, posedas ĉe vi kelkajn librojn en Esperanto, kiujn eble vi akiris antaŭ kelkaj jaroj, pri kiuj vi ne plu pensas kaj kompreneble ne estas legataj de vi dum multe da tempo.

Tiu malgranda kolekto povus esti montrita al ni ĉiuj per ĉi tiu bultenero. Nur vi devas kontakti nian ĉef-redaktoron, kiel mi jam anoncis antaŭe. Kuraĝon, kaj faru tion!.



Mia aludo adresas surtute al niaj samideanoj, membroj de nia grupo aŭ de la ĉestana grupo: Rosa, Pepe, Manolita, Salvador, José Julio, Angelita, Miguel kaj edzino, Vicente, Pascual Pont, Pepe Añó, Jaŭ, Carmen, Raúl, Iván, Vicent, Luis, Antonio, Madrigal, Aŭgusto, Alicia Casquero, Ismael Ejarque, Alberto Granados, Begoña, Pablo Abad, Adolf, Isabel, Diago, Fernando, Gari, Poyo, Nicasio, kaj multaj aliaj, atendante vian kontribuon.

Dennis, Eduardo, Iván kaj Elías jam kontribuas ekde la komenco de la tria epoko, do, ekde la ĉi-jara monato Januaro. Ankaŭ, kial ne, aliaj esperantistoj kiuj ne apartenas al niaj grupoj sed kun kiuj oni bone inter-rilatas (Tonjo del Barrio, Arta el Japanio, s-ro. Li el Ĉinio, Vigla el Koreio, Andreiev el Polando,...) povus kontribui.

Kaj jen mia dua kolekto de libroj eldonitaj ĉe la eldonejo de UEA, kiujn mi aĉetis rekte en tiu eldonejo jam antaŭ multe da jaroj. Ĝi temas pri verkoj de la sud-afrika verkisto J. R. R. Tolkien, nome la famegaj:

- ✔ ***LA HOBITO*** (tradukita de Christopher Geldhill)
- ✔ ***LA MASTRO DE LA RINGOJ*** (kiu konsistas el trilogio: ***LA KUNULARO DE LA RINGO, LA DU TUREGOJ kaj LA REVENO DE LA REĜO***) tradukita de la granda verkisto William Auld, el kiuj oni jam produktis kelkajn tre bone konatajn filmojn.

Elías Hernández Capdevila



# LA PASINTECO

## Valencio kaj ĝia simbolo

La sonorilejo de la katedralo aŭ sonorilturo "MIQUELET" (Mikaĉjo) estas la plej famkonata el la sonorilturoj en la urbo, kaj ĝia simbolo.

Post la konkero de Valencio, farita de la reĝo Jakobo 1-a, la "ĵurats" (popolkomisiantoj) klopodis por rapidigi kelkajn konstruaĵojn en la katedralo, inter ili, la konstruo de sonorilturo en kiu oni enmetos la katedralsonorilojn, samtempe ke ĝi servos kiel loko de kie oni avertos la popolon per fajrosignaloj pro la danĝeroj, kiuj povus alveni tra la maro.

En la jaro 1376-a oni decidis la konstruon de la sonorilturo, sed la masonaĵoj komenciĝis serioze en 1381-a. En ĉi tiu unua fazo, tiel kiel por la projekto en la tuta konstruaĵo estis gvidita de la "tortosa" arkitekto Andreo Julià. Dum 1402-a gvidis la konstruadon Jozefo Franch, kaj en 1414-a prenis sur sin la gvidado, Petro Balaguer, la sama arkitekto kiu gvidis la konstruaĵojn de la turoj ĉe la pordego de "Serranos". Al li oni devas la konstruon kaj dekoracion sur la lasta korpo de la sonorilturo, kiu estis benita la 28-an de septembro en 1417-a, antaŭtago de sankta Mikaelo, pro tio nomiĝis ĝin "Miquelet" (Mikaĉjo) Laŭ alia rakonto aŭ legendo la nomo Miquelet, oni devenas pro la karesema nomo kiun la valencianoj donis al la plej granda sonorilego -peza je 300 kvintaloj- ĉi tiu sonorilego difektiĝis en diversaj okazoj, eĉ falis ĝin el la alteco de la sonorilturo, kiam brulis la lignoj inter kiuj ĝi estis fiksita, konsekvence de la flambrulaĵoj kiuj tien oni faris.



La sonorilturo estas el orienta gotika stilo, kun ornamaĵo de la sama arto kaj formo, kun okangula prismo, je la perimetro en la bazo proksimume egala al ĝia alteco, kiu mezuras 58,80 metroj. La totala alteco de la sonorilturo estas je 64 metroj, kvankam ĝis la altano aŭ teraso estas nur je 51 metroj. Ĝia korpo estas kunmetita el kvar partoj, la tri unuaj estas sen iu ajn ornamaĵo, kaj sur la lasta estas ok ogivaj arkoj kun modluroj faritaj samstile.

Oni faras la supreniradon al ĝi tra interna helika ŝtuparo kun "nabo" aŭ centrapogilo, kiu havas 207 ŝtupojn. Je certa spaco staras la sonorilejo, kaj sur la supera teraso, de kiu oni ĝuas belegan panoramon. Oni metis anstataŭ la projektitan pinton, barokan "espadaña" (spadanjon) kun la du sonoriletoj de la horoj kaj kvaronhoroj. "Miquelet" (Mikaĉjo) konservas la sonorilan tutaĵon, kiu tiel pro ĝia nomo kiel pro ĝia antikveco estas la plej bona el la valencia urbo. La konstruŝtono uzita por ĝia realigado devenas el la ŝtonminoj de Burjasot (Burĵasot), Godella (Godelja) kaj Moncada (Monkada).



Tamen, ankaŭ la religiarta enhavo de la Metropolitena Baziliko estas eksterordinara, oni povas admiri, krome la belaĵojn de ĝia arkitekturo, pri kiu oni jam estis raportinte, estas riĉega arkivo pri multenombraj ilustritaj kodeksoj kaj inkunabloj kaj pergamenoj kun interesegaj historiaj tekstoj, multvaloregaj pentraĵoj de Llanos kaj Almedina, Juanes, Ribera, Orrente, Vincento López, Vergara, Ribalta, Jacomart kaj aliaj, tiel kiel du grandaj pentraĵoj de Goya (Goja); famaj skulptaĵoj kiel tiu de Kristo nomata de la bona morto, de Alonso Cano (Kano); la arta kaj monumenta hostiujo, je moderna konstruo; la "predikejo" de sankta Vincento Ferrer kaj rimarkindega Muzeo.

Tradukis: Fco. Aliaga

Valencia Luno — Dua epoko — Numero 11 — Junio 1984

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.




**10 - 13. septembro**

8-a Esperanto sur la strando - en Sopot, Pollando. Ćiujara 3 taga aranĝo ĉe la Balta Maro. turisma kaj distra. Ĉefa prelego pri ĉebaltaj paganoj tuj antaŭ malfrua kristanigo. Organizas: Triurba Esperantista Asocio TORENTO, 81-82 Sopot, str. Armii Krajowej 94, Pollando - retadreso: torentosopot@wp.pl

**11 - 13. septembro**

Esperantaj Tagoj de Krakovo - en Krakovo, Pollando. La tradicia aranĝo de esperantistaro kun abunda prelega kaj arta programoj, kiu okazas en la iama reĝa ĉefurbo de Pollando. Organizas: Krakova Societo ESPERANTO, ul.Sokolska 13, Krakovo, Pollando. - retadreso: kse.krakovo@gmail.com

**12. septembro**

FESTO 2020 ĉe IEI okaze de la 90-jara jubileo - rete. Okaze de la naskiĝdatreveno de Andreo Cseh kaj la 90-jara jubileo de la Internacia Esperanto-Instituto ekde la biblioteko de IEI ni okazigos retan renkontiĝon kun la tutmonda esperantistaro. Vi ĉiuj estas elkore bonvenaj. Organizas: Internacia Esperanto-Instituto. - retadreso: iesperanto@versatel.nl




**16 - 17. septembro**

LingvaFEST' - en Nitra, Slovakio. Lingva festivalo: spaco por ĉio pri lingvoj. La kerno de la programo: duonhoraj fulmokursoj pri diversaj lingvoj. Bunta programo. Organizas: Edukácia@Internet. - retadreso: info@lingvafest.sk, tel: +421 902 203 369

**17 - 20. septembro**




2-a Eŭropa Civitana Renkonto **- Prokrastita al 2021** - en Kaselo, Germanio. Laborateliero "Esperanto kaj Eŭropo" kadre de "Kleriĝo kaj Lingvoj". Estos ateliero pri Esperanto, ties aktualaj perspektivoj, la lingvopolitiko de la EU kaj ekspreslingvokurso. La hejmpaĝoj pli kaj pli ĝisdatigos/plidetaligos la programon. Por eksterlandanoj estos subvencioj por la vojaĝo. Organizas: A group of dedicated European volunteers from Kassel and the region. - retadreso: office@kassel-ebb.eu

**17 - 20. septembro**

Beneluksa Kongreso 2020 - en Charleroi, Belgio. La Beneluksa Kongreso okazos ĉi-jare en Charleroi. Loko: Junulargastejo de Charleroi, je promena distanco de la stacidomo. Organizas: Association pour l'Espéranto (APE). - retadreso: yves.nevelsteen@gmail.com










**17 - 20. septembro**

50-a lingva seminario - en Malá Skála, Ĉehio. 50-a seminario unua foje ne okazos en Skokovy, kiel antaŭe. Tradicia aranĝo. Paroliga kurso. Organizas: Lenka Angelová, Na Okrouhlíku 953/21, 53003 Pardubice, Ĉehio. - retadreso: l.angelova@seznam.cz

**19 - 20 septembro**

Ĵurnalista Esperantista Seminario de TEĴA - en Litovio. Informas: Vytautas Šilas, vilnastelo@yahoo.lt, tel: + 8-611-75500,

**20 - 22. septembro**




107a Esperanto-Kongreso de Japanio - en Nagojo, Japanio. La kongresa temo estas &qout;Sonoru Amo kaj Saĝo&qout;. Amo rilatas al nia kara ideo de Esperanto, kaj Saĝo signifas intelekton de esperantistoj. Cetere Amo estas japane Ai kaj Saĝo Chi, kune formante la nomon de la gubernio. Organizas: Japana Esperanto-Instituto (JEI), JP-162-0042 Tokyo-To Shinjuku-Ku Waseda-Machi 12-3, Japanio. - retadreso: jek2020@jei.or.jp



**1 - 4. oktobro**

20-a KoKoLoRES - en Schwerte, Ruhr-regiono, Germanio. LA aranĝo por ludemuloj. Sed ne nur: ni ankaŭ ekskursos kaj okazigos kurson por komencantoj. Organizas: Petra Dückershoff, retpoŝta adreso: petra.dueckershoff(ĉe)esperanto.de

**1 - 4. oktobro**




KAEST - Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko - en Modra-Harmónia, Slovakio. KAEST estas serio de seminarioj kaj konferencoj ekzercantaj scienc-teknikan aplikon de Esperanto. Ĝia ĉi-jara ĉeftemo estas "Scienco kaj tekniko kiel rimedoj por efektivigi daŭripovan evoluon". La programo enhavos prelegojn (en du paralelaj blokoj - ĉeftemaj kaj alitemaj), trejnadojn, fakajn diskutojn pri scienco kaj tekniko kaj vesperan neformalan, amuzan programon. Organizas: E@I, rete: kaest@ikso.net

**1 - 4. oktobro**

Ne okazos! ~~31-a Montkabana Renkotiĝo (MKR)~~ - en Rifugio Donegani, Minucciano, Italio. Kvankam tutmonda epidemio de Corona viruso nuntempe ne permesas sociajn kontaktojn kaj malebligas renkontiĝojn kiel MKR, ni esperas ke la situacio pliboniĝos ĝis aŭtuno kaj tamen preparas la renkontiĝon - ni tutkore deziras al vi ĉiuj multe da sano kaj esperas ke ni revidos unu la aliajn dum ĉi jara MKR! Organizas: Vanja Radovanovic. - retadreso: vanja.radovanovic@ericsson.com

**2 - 4. oktobro**

TORPEDO 15 - en Herzberg am Harz, Germanio. Pedagogiaj Tagoj (AGEI, GEA), prelegoj, prezentadoj, spertinterŝanĝo pri instruado de Esperanto. 90a GEA-Studsesio, modulo pri tradukado, terminologio, metodiko, instrukapabligo. Organizas: Interkultura Centro Herzberg (ICH). - retadreso: esperanto-zentrum@web.de

**3 - 11. oktobro**

Restado en naturista centro Templo del Sol - en Templo del Sol, Tarragona, Hispanio. INOE proponas al vi esperantan restadon en belega kaj sunplena naturista centro Templo de Sol, en Hispanio. Organizas: Sekretarino de INOE, Rosy Inaudi. - retadreso: R.inaudi@free




**9 - 11. oktobro**

52-a Korea Kongreso de Esperanto - en Seulo, en Hi Seoul Youth Hostel, Koreio. Organizas: Korea E-Asocio - retadreso: xxx, https://www.esperanto.or.kr/index.php?mid=contests

**16 - 18. oktobro**

Svisaj Esperanto-Tagoj - en Zuriko, Svislando. La Svisaj Esperanto-Tagoj estas kultura Esperanto-evento kun prelegoj, muziko, filmoj kaj teatraĵo, en kies kadro okazos la ĝeneralaj kunvenoj de Svisa Esperanto-Societo, Esperanto-Societo Zuriko kaj Junularo Esperantista Svislanda. Organizas: Svisa Esperanto-Societo, Esperanto-Societo Zuriko, Archstr. 2, poŝtfako 26, CH-8613 Uster 3, Svislando. - retadreso: ses@esperanto.ch

**18 - 23. oktobro**

8-a Esperantista Migrado Aŭtuna - en regiono Wendland/Elbe, Germanio. Dum EMA ni migrados en amika rondo tra la regiono Wendland en nordorienta Malsupra Saksio. Ĉiutage ni migros ĉ. de la 9-a ĝis la 17-a horo (inkluzive paŭzojn). Oni devus esti kapabla iri distancon de maks. 15 km. Ne estos grandaj altodiferencoj. Organizas: Gerald Roemer. - retadreso: ema@esperanto.de, tel: 0800-336 36 36-66 (ene de Germanio)



**20 - 24. oktobro**

1-a Internacia Taŝkenta E-Renkontiĝo, TERO - en Uzbekio. Oni povas trovi multajn informojn pri la landa Asocio kaj urbo en la filmeto. La aranĝo estas nia unua kaj internacia, do la urbaj instancoj helpos nin fari ĝin pli interesa

kaj amuza. Por civitanoj el 85 landoj eniri Uzbekion estas senvize. Karaj kaj estimataj amikoj! Vin atendas amuzaj festotagoj kun ege allogaj artoprogramoj, prelegoj, amikaj rondoj kaj ekskursoj. Bv. spekti vi mem ĉiun vidindaĵon en la filmeto kaj BONVENON! Detaloj haveblos iom poste! Organizas: Uzbeka E-Asocio, UzEA - retadreso: gafurmirzo@mail.ru



**20 - 25. oktobro**

Koruso-Migrado-Naturarto - en Baugé, Francio. Longa semajnfino kun pluraj E-aktivaĵoj. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé en Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

**31. oktobro - 2. novembro**

KKPS - en Ry, Danio. KKPS, la Klaĉ-Kunveno Post-Somera, okazas preskaŭ ĉiujare en Nederlando en semajnfino ĉirkaŭ haloveno. Tamen ĉi-jare, en 2020, ĝi okazos en Danio. La naŭa KKPS okazos en Ry, inter Skanderborg kaj Silkeborg. Organizas: Dana Esperantista Junulara Organizo. - retadreso: dejo@dejo.dk



fonto: http://www.eventoj.hu

